DUA JARO. — N° 16. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 14 JANUARO 1906.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
Sº Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : 24 fr. nur en Francolando.
Luksa eldono, 12 n-roj, 4 fr.

REDAKTADO :
Sº Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.



*La numero* **17** *de* **Esperanto** *eliros*
*DIMANĈO 28 JANUARO*

## TRA LA PARIZA ESPERANTISTARO

Veturinte al Parizo kaj estante restonta tie dum kelkaj tagoj, mi volis uzi tiun okazon por certiĝi pri la viveco kaj la graveco de nia afero en la franca ĉefurbo. Do la unuan tagon de mia restado mi vizitis :

**La malgrandan Parizan Esperantistujon**

Ĉu vi scias kio estas la malgranda pariza Esperantistujo ? Ni iru al Pantheon kaj ni laŭiru la straton Lacépède ; ĝi estas, ĉe la unuaj paŝoj, mallarĝa strato sed, kiam ni proksimiĝas la straton Monge, ĝi plilarĝiĝas kaj inter belaj domoj komercistaj ni vidas nove pentritan grandliteran skribaĵon: *Presa Esperantista Societo*. Fotografaĵojn el la memorinda kongreso de Boulogne, poŝtkartojn, broŝurojn esperantistajn oni vidas tra la vitraĵo.

Mi eniras la vendoĉambron kaj, en franca lingvo mi pripetas poŝtkartojn. Junulo alrespondas min per elparolado fremda, sed, tuj kiam li komprenas ke mi estas esperantisto, li parolas Esperanton. « Permesu ke mi prezentas vin al S-ro de Lengyel », li diras. Sinjoro blondhara, ankoraŭ tre juna, venas tre afable ridetanta. « Senkulpigu min, mi diras, mi tre malbone parolas Esperanton ĉar ĝis nun mi neniam parolis nian lingvon. — Sed mi, Sinjoro, li respondas, tre bone parolas ĝin, ĉar mi parolas ĝin la tutan tagon ».

Oni montras al mi poŝtkartojn senditajn el ĉiuj landoj kaj la honoran libron de la Presejo en kiu, sur la unua paĝo nia Majstro, (se mi ĝuste memoras) skribis : Vivu Esperanto kaj la laborantoj por ĝi. Kaj S-ro Rektoro Boirac : Ciu homo devas havi du patrujojn : la sian kaj Esperantistujon. — Mi tralegetas la unuajn kajerojn de la granda Vortaro Franco-Esperanta, revuojn, librojn esperantajn, ĉio tio-ĉi eldonita de la Presejo Esperantista. « Ni havas multege da laboro », diris al mi S-ro Mann, kiu pri tiuj novaj aperintaĵoj donas al mi klarigojn. Kaj mi miras ke malgraŭ mia malsperteco ni tre bone interkomprenas nin.

Sed tra la pordo malfermita mi aŭdas voĉojn. « Kiun lingvon parolas viaj kompostistoj ? mi demandas ; la hungaran, kredeble, ĉar tie-ĉi vi ĉiuj estas hungaraj, ĉu ne ? — Tute ne, respondis S-ro de Lengyel ; mi estas hungaro, sed jen S-ro Mann kiu estas anglo ; S-ro Fruictier kaj aliaj estas francoj ; ankaŭe ni havas tie-ĉi unu italon kaj ĉiuj ni parolas Esperanton : venu, vidu, aŭskultu ». Kaj, enirante la presĉambron mi aŭdas nian bonsonan lingvon gaje kaj laŭte parolata de la tieuloj. « Cu vi ne forgesis la sendon al X ? — Cu vi presis la artikolon de S-ro Y ? k.t.p. » Kaj ankaŭe dolĉajn infanajn voĉojn oni aŭdas : ili estas tiuj de kelkaj geknaboj aĝaj nur je kvin ĝis dek jaroj kaj kiuj parolas mirinde Esperanton.

Mi foriras kun la du amikoj miaj, rusaj studantoj kiujn mi venigis kun mi ; ili estas tre mirigitaj kaj unu eĉ li, kiu estas nova esperantisto kaj bonege komprenis nian tutan babilon, diregas ke Esperanto estas belega afero kaj ke li tuj lernos ĝin ankoraŭ pli diligente ol antaŭe.

**Ĉe la kunveno de la grupo Esperantista Pariza.**

Jam multafoje mi estis leginta en esperantistaj gazetoj tiun sciigon : La grupo Esperantista Pariza kunvenas ĉiuvendrede kaj estus tre feliĉa akcepti trapasantajn Esperantistojn. Mi decidis uzi tiun allogan inviton.

Je ok horoj tridek, enirante la ĉambregon S^t-Jacques, en Sorbonne, mi vidas S-ron Carlo Bourlet, la sindoneman prezidanton de la grupo, kiu afable akceptas la anojn envenantajn, iras de unu al la alia kaj vigle babiladas nian lingvon. Ankaŭe li havas por mi agrablajn vortojn kiam, parolante nur la duan fojon Esperante kaj iom timante pri mia mallerteco kaj pri mall[illegible]ektajoj, mi klerigas al li la tialon de mia ĉeestado tie.

Nun, alirinte la katedron profesoran (ho ! tute ne solene !), li legas al la ĉeestantaro la du lastajn cirkulerojn el la Centra Komitato kiujn la legantoj de Esperanto-ĵurnalo povis legi en la antaŭlasta numero.

Poste li parolas pri la aktiva propaganda farata de profesoro Ostwald en Ameriko. P-ron Ostwald li vidis en Leipzig antaŭ tri jaroj ; ĉe tiu tempo la tre konata germana profesoro estis nur ano de la ideo de internacia lingvo ; jam li estis ja opinianta ke Esperanto estas la plej bona solvo por ĝi, sed li ne estis jam agema propagandisto por nia lingvo. Sed antaŭ ne longe S-ro Couturat ricevis el li leteron en kiu li rakontas ke li estis alvokita Amerikon de la Harvard'a Universitato por paroladi pri fizika ĥemio kaj ke dum sia marveturo li faris en la ŝipo paroladon pri Esperanto. Plie, detalo kiun ne diris P-ro Couturat en sia letero al *Esperanto-ĵurnalo* presita en la antaŭlasta numero, F-no Ostwald kantis kantojn esperantajn en la salono de la ŝipo ; kaj, tuj kiam la fama fizikisto estis alveninta amerikon, du grupoj esperantistaj estis fondataj en Harvard'a Universitato kaj en New-York.

Duan leteron S-ro Couturat ricevis el P-ro Ostwald ; en tiu letero li diras ke li certe traveturos Parizon ĉe sia reveturado al Leipzig, kredeble en la komenco de februaro. Entuziasme aprobata, S-ro Bourlet proponas ke oni uzos tiun okazon por akcepti P-ron Ostwald ĉe granda manĝo ĉe kiu oni ĉirkaŭos lin per francaj scienculoj, eminentaj kiel li mem estas ; oni provos ankaŭe samtempigi tion je la veno al Parizo de la anoj de *Country Council* el Londono. La aŭtoritato de la fama germana fizikisto kaj de la ĉeestantaro je tiu akcepta manĝo devigos la gravajn ĵurnalojn paroli pri ĝi kaj estos efikega apogo por la propagando de nia afero.

Alian ŝatindan sciigon donas S-ro Bourlet : raporto tre elokventa estas farita al la urbestraro Pariza pri Esperanto kaj pri la utileco kiu estus ricevota de la instruado pri tiu lingvo en la unuagradaj lernejoj Parizaj.

P-ro Bourlet nur parolas en Esperanto pri ĉiuj tiuj temoj ; li parolas flue kvazaŭ se Esperanto estus lia patrina lingvo ; kaj videble la tuta aŭskultantaro ne perdas eĉ unu vorton el lia parolado.

Nun oni laboras. Ciu, je sia vico, tradukas esperanten frazon de la *Lectures pour Tous*. Preskaŭe, tio ne estas tradukado sed legado : la plejmulto de la « lernantoj » tradukas rapidege. Aliparte, ili ne estas komunaj, tiuj-ĉi lernantoj ! — la supro de la korbo (1) — de la parizaj esperantistoj, multaj jam maljunaj sinjoroj — ordenitaj — multaj ankaŭe junuloj kaj kelkaj sinjorinoj. Kelkafoje tamen iu vorto, iu esprimo haltigas la tradukanton ; preskaŭ ĉiam la klera profesoro tuj trovas la bonan solvon ; kelkafoje diskutado okazas, kompreneble en Esperanto, kaj mi povas diregi al vi ke tiu diskutado estas varma kaj vigla.

**En la kafejo Soufflet**

Nun jam dek horojn ni havas ! Ni eliras, esplorante la bibliotekon loĝigitan en la vestiblo de la ĉambrego pri novaj libroj aperintaj. En la ĉambregon de la kafejo Soufflet, ĉe la unua etaĝo, ĉiuj ni supreniras. Oni prezentas min al la juna kaj agema Sekretario de la Centra Oficejo, S-ro G. Chavet ; poste li prezentas min al la respektinda kaj eminenta prezidanto de tiu oficejo, generalo Sébert, kiu bonvolas diri al mi kelkajn afablajn vortojn.

Sed nun, mi ruĝiĝas tion konfesi, sidiĝinte ĉe la sama tablo kun S-ro Bourlet kaj S-ro Bricard, ekzamenisto por la politeĥnika lernejo, ni parolas france. Ni ne tamen forgesis nian aferon ĉar miaj kunparolantoj, ambaŭ eminentaj matematikistoj, diras al mi la eniĝadon de Esperanto en matematikaj revuoj, ĝian utilecon nun kiam la matematikistoj preskaŭe devus almenaŭ koneti ĉiujn lingvojn eŭropajn kaj eĉ baldaŭ la japanan ! Ili sciigas min ke la bonega revuo *Les Nouvelles Annales de Mathématiques* de kiu ili estas redaktoroj kun S-ro Laisant presas volonte artikolojn en Esperanto kaj ke la tre grava kaj ĉiekonata firmo Gauthier-Villars havas la literojn esperantajn.

Sed, apud ni estas bruna aro de gejunuloj. Tien mi venigis kelkajn el miaj amikoj aŭ konatoj, unu francinon, unu rusinon, du armenianojn ; unu jam tre bone konas Esperanton ; aliu malmute, du tute ne : kaj tuj, post la interprezentado, komencas, kun la junuloj de la grupo, gaja babilado kaj senprepara kurso pri Esperanto. Miaj fremdaj amikoj precipe, tre bone komprenis ke al ili la plej bona kaj la plej malkara pero por lerni francan lingvon estas ĉeesti kun niaj samlandanoj kurson pri Esperanto kaj ke ili havas tie, kaj en ĉiu kunveno esperantista la plej bonan okazon por konatiĝi kun francoj tute akceptemaj je fremduloj, kiel Esperantistoj ĉiam estas.

Noktmezo ! La ĉeestantaro estas tiel simpatia, tiel babilema kaj scivolema pri ĉiuj temoj ke oni ne sentis ke la horoj forflugis. Bedaŭrante oni disiĝas : « Gis revido ! ĝis revido ! » Kaj, revenante hejmen, oni parolas tiel laŭte en Esperanto en nia areto ke la preterpasantoj surprizitaj turnas sin malantaŭen por vidi kiuj estas la vidindaj fremduloj kiuj parolas tiun dolĉan kaj nekonatan lingvon.

**Ĉie**

Nekonata ? Ĉu vere ?

La sekvinta tago, legante ian verdan libron (1) dum mia tagmeza manĝo en ia restoracio, oni vokas min : « Bonan tagon ! Kiom da tempo de tiam kiam mi vidis vin ! » Estas unu el miaj malnovaj amikoj kiun mi ne vidis de kvin jaroj, kiu ekparolas al mi en Esperanto ! Tuj, interdemandoj pri nia farto, pri niaj aferoj ; kaj sinjoro sidanta kontraŭ mi diras al sia najbarino : « Ili parolas Esperanton, la novan lingvon, vi scias.... » Dum la tuta sekvinta posttagmezo mia amiko kaj mi promenis babilante nur esperante.

Kaj kelkaj tagoj poste, petante *Esperanto-ĵurnalon* en librovendejo, sinjoro, apud mi, ĝentile min sciigas en Esperanto : « Gi ne estas jam veninta ».

Diru, nune, ke Esperantistojn oni renkontos nur kunvene.

**Konkludo**

Jen tio kio precipe ekkaptis mian atenton. Dank' al Esperanto ĉiu Esperantisto havas nun familion en ĉiuj grandaj urboj de la tuta mondo ; tiu familio havas siajn akcepttagojn kaj tiam la pordoj de sia salono (la ĉambrego de la grupo) estas malfermitaj kore kaj frate al ĉiuj samideanoj. Uzu tiun akcepton, karaj legantoj, kaj precipe vi, fremduloj ĉiulandaj, anglaj, germanaj, rusaj, italaj k.t.p., gestudantoj kiuj volas plej intime koni kaj studi enlandajn morojn, enlandan lingvon, enlandajn instituciojn, fraŭlinoj kiuj bezonas konsilojn pri loĝado, pri vivado, pri ofico, komercistoj kiuj volas trovi klientojn aŭ vendotaĵojn. Uzu ĝin sen timemo, sen ŝancelo. Vi trovos tie virojn kaj virinojn kiu ĉirkaŭigos vin je sia simpatio, kiuj helpos vin en viaj aferoj, kiuj konigos vin je multaj personoj ofte eminentaj kaj utilontaj vin.

Tiujn konatojn vi revidos kredeble ian tagon kaj eble en tiu kongreso de Genève kiu ne devas esti nur granda sukceso por Esperanto, sed ankaŭ granda internacia kaj frata festkunveno de la Esperantistaro. Kaj se vi kutimas elspezi kelke da mono ĉiujare dum via libertempo por vojaĝi, venu amase en la venonta somero en la ĉirkaŭlandon de Genève. Tie vi renkontos multajn esperantistojn ; vi kleriĝos paroli nian lingvon kiu, tion ni ne forgesu, devas esti lingvo parolata kaj ne nur skribata. Tie ankaŭe, ĝuante la belecon de la monta lando kaj ripozante, vi vivados la bonegan internacian kaj fratan vivadon esperantistaran.

Pri tio oni certe reparolos.

TH. ROUSSEAU.

(1) Franca esprimo.

(1) Ne pri Maroklando sed pri Esperanto.

## DIVERSAĴOJ

**Al la Grupoj**

Ni ricevis plie ankoraŭ kelkajn respondojn al nia peto, sed ni ne esperas multe pli. Efektive, laŭ niaj privataj informoj, la grupoj kiuj ne respondis, neniam respondos kaj pro bona kaŭzo : ili ne plu ekzistas, aŭ havas ekziston preskaŭ nur teorian.

Kio fariĝis el kelkaj famaj Grupoj, kies nomojn oni vidas en bona loko sur niaj revuoj ? Kiaj kursoj estas malfermataj ? Kiam oni kunvenas, kaj kiom ! La sekretario — kiam estas sekretario — ne estas tre fiera doni respondojn malmulte glorigajn kaj preferas silenti.

Male, en kelkaj urboj, la diversaj emoj de la propagandistoj ilin instigis formi diversajn grupojn kiuj ĉiu siaflanke laboras energie por la bono de l'afero. Tiel en Tours, en Reims, en Lyon, kaj en multaj aliaj lokoj.

Trian kaj lastan fojon, ni petas la SS-rojn Sekretarioj de grupoj, aŭ, ĉe ilia manko *iu ajn esperantisto de la urbo* doni al ni la jenajn informojn :

1º Nomo de l'Grupo (eĉ se li ĉesis ekzisti) ;
2º Dato de fondo ;
3º Nombro de membroj ;
4º Adreso de la Sekretario ;
5º Nombro de kursoj ;
6º Cu la grupo estas filio de alia Societo :

Ni publikigos, sub nomo de *Mortintaj Grupoj*, la nomojn de la nerespondintoj.

**La "Daily News" kaj Esperanto**

1 Jan. 1906.

Eble kelke da statistikoj, pri la esperantaj artikoloj, kiuj dum pli ol tri monatoj aperis, preskaŭ seninterrompe, en la *Daily news*, interesus la legantojn de tiu antaŭema ĵurnalo.

Oni memoras, ke la unua enpresiĝo okazis la 21-an de Septembro lasta ; tio estas, ke de tiam 87 tagoj pasis. En ĉiu tago, krom kvar, artikoloj diverslongecaj aperis, en la unuaj okazoj dulingve. La nombro da linioj enpresitaj estas 2.710, da vortoj ĉirkaŭ 24.390. Se la tuta esperantaĵo estus presita sur unu numero de la *Daily News*, la spaco okupita estus 15 kolonoj, aŭ 2 1/2 paĝoj. Kiel oni povus supozi, la vidiĝo de tiuj artikoloj kreis multe da scivolo inter la ordinara legantaro de la ĵurnalo, kaj la nombro da demandoj pri la lingvo estas miriga. Kompreneble, kiel rezultato, la demandantoj grandanombre aliĝis al nia honorinda ideo, kaj fariĝis fervoraj kunbatalantoj, forte kaj senĉese laborantaj pro la disvastiĝado de la entrepreno, kiu povas nur alporti bonon al la homaro.

Jen troviĝis bona okazo por proponi esprimon de granda danko al la estimata redaktoro de la *Daily News*, pro la granda servado kaj sindono tiamaniere montrataj. Oni devas memori, ke tiu ĵurnalo estas la sola en la mondo, kiu vere kaj praktike subtenadis nian aferon, kaj estas nun oportune esprimi la esperon, ke la *Daily News* ricevos plene meritatajn sukceson kaj prosperecon dum la jaro jus komencanta. Longe vivu la *Daily News* kaj Esperanto kune.

HAROLD CLEGG, F.B.E.A.

La Brita Esperantista asocio estas ĉiam tre kontenta ricevi artikoletojn por la Esperanta rubriko de *Daily News*. La dirita ĵurnalo petas, ke la verkajetoj ne enhavu pli ol 300 vortojn ; ili povas trakti pri kia ajn temo, sed devas esti novaĵoj, nuntempaĵoj, kaj ne nur literaturaĵoj. Nenia pago, sed la redakcio promesas sendi al ĉiu verkinto ekzempleron de la ĵurnalo enhavantan lian verkaĵon. Oni estas petata sendi ĉion rekte al : S-ro S. Nicholl, 9, Throgmovton avenue, London, E. C.

**Peto pri dokumentoj**

La grupo de *Halle* (Saale) en Germanujo kaj germana grupo de *Brünn*, en Moravio, deziras fondi bibliotekon kaj esperantan ekspozicion. Por tio ili petas ke oni bonvolu sendi al ili disponeblajn dokumentojn (libroj, gazetoj, afiŝoj, prospektoj kaj ilustraj poŝtkartoj el ĉiuj landoj).

Adresoj de la sekretarioj : *Halle* (Saale) Esperantisto n-ro 9.819. — *Brünn* (Moravie) S. Karlo Steier, Rathaùsgasse, 1.

**Novaj Gazetoj**

Ni ricevis la unuan numeron de la *Unua Paŝo*, belete litografita literatura revueto tute en esperanto bone redaktata. Ni estas tre feliĉaj vidi ke bulgaranoj tiel multaj skribas klare kaj ofte elegante nian lingvon.

Sin turni al S-ro PETKOV, 26 San Stefano, *Sofia*, Bulgarie (Jara abono : 3 fk.).

* * *

Ankaŭ el Bulgarlando oni anoncas al ni baldaŭan naskiĝon de propaganda gazeto en lingvo bulgara. Ni senpacience atendas ĝin por priparoli la aferon.

En tiu lando naskis antaŭ kelkaj jaroj nia unua ilustrita Revuo : *Rondiranto.* La kolekto trijara de tiu revuo, direktata de nia senlaca samideano bulgara Oreŝkov estas vere konservindaĵo, pro la intereso de l'te oto kaj beleco de l'ilustraĵoj. Malfeliĉe la revuo pritra..tis tro diversajn temojn : literaturo, informoj, gramatiko, propagando, ktp. ĝi konkurencis kaj estis konkurencata de ĉiuj aliaj esperantaj revuoj kaj pro tio falis, malgraŭ la penoj de ĝia fondinto.

Ni esperas ke la nova revuo scios eviti tiun danĝeron, sin apartigi en speciala fako, kaj tiel sukcesos en sia propaganda entrepreno, por la bono de la Bulgaroj kaj de l'Esperanto.

Sin turni por ĝi al S. N. Kovaĉev, 40 Karavelov, *Sofia*, Bulgarie.

### « Tra la Mondo »

Oni legu en la 5ª numero (novembro) la kondiĉojn de konkurso rezervita al Esperantaj geinstruantoj.

Premio 100 frankoj mone estos donata al la gajninto de l'konkurso.

La 6ª numero estas plene internacia kaj montras tion, kion povas liveri Esperanto lerte uzata en redaktado de internacia revuo ; en ĝi oni povas ja legi artikolojn pri : la norvego Björnstjerne Björnson, de Norvego ; la sangaj manifestacioj en Praha, de Bohemo ; la politikaj rilatoj en Hungarujo, de Hungaro ; la Nov-Zelandaj « futbol-istoj » en anglujo de Anglo ; la Islandana poeto Mathias Joehumsson, de Islandano ; Leo Tolstoj, de Ruso ; la Hispano Francisko Navarro Edesma, de Hispano.

Interesa artikolo pri la famaj francaj fabrikejoj « Creusot », de Franco, kaj grava rakonto pri belga instituto por surd-mutuloj ; nepresita novelo de F-no Oxenford pri la malnovaj anglaj kutimoj, desegne ilustrita, plenigas tiun numeron en kiu, kiel oni povas ĝin vidi, ĉiuj artikoloj estas verkitaj de kompetentuloj aŭ anoj de l'landoj alauditaj, kaj akompanataj de multaj ilustraĵoj.

### Al kio taŭgas esperanto

En la kongreso de Boulogne, S-ro Saquet parolis kun S-ro Jamin de Bruxelles por sciiĝi pri la sonorilaroj belgaj ludataj de artisto. Tiu ĉi adresis lin al nia bonega kolego Van Peteghen de Malines, prezidanto de la grupo tiea, kin skribis al la petanto veni, kaj li aŭdiĝis la mirindan artiston Denijn, kaj vizitigis ĉiujn kuriozaĵojn de tia bela urbo. S-ro Saquet estas tre danka al ili.

D. S.

### El Tours

En lasta numero de l'*Esperanto* ni relevas artikolon pruntitan el *Revuo Mame* koncernante vivemon de la lingvo internacia.

Sajnas ke tiu revuo estus feliĉa vidonte malperi tiun lingvon ; sed ni, ni faras ĉiujn niajn penojn por propagandi ĝin.

Por ankoraŭ pli vidigi tian malsincerecon, ni intencas krei grupojn en ĉirkaŭaĵo de Tours mem, ĉar ni pensas kaj kore ni deziras ke unu tago venos, kiam la interkompreneblo estos la komenco de temparo pacema kaj homara inter ĉiuj popoloj.

*Grupo de l'Estonto internacia,*
G. Loison.

ONI POVAS AĈETI LA GAZETON

**ESPERANTO**

**en ĉiuj stacidomoj francaj kaj svisaj**

## Esperantista Societo de Francaj Edukistoj (E. S. F. E.)

Ni publikigas la unuajn rezultatojn de la statistika esplorado farita pri la nombro de la esperantistaj edukistoj en Francujo, parte laŭ la sciigoj — bedaŭrinde tro malmultaj — senditaj al la organizantoj de la E. S. de F. E., parte laŭ la lasta eldono de Tutmonda Jarlibro Esperantista.

Oni kalkulas ĝis nun pli ol mil (ĝustanombre 1049) edukistojn t. e. profesorojn kaj instruistojn, en Francujo aliĝintajn al Esperanto. La Akademio de Dijon tenas la unuan lokon per 244 kaj en ĝi la departemento Yonne (96), kiun sekvas tre proksime la dep. Côte-d'Or (88). Due venas la Akademio de Lille (167) ; trie la Akademio de Paris (120), en kiu 4 departementoj Seine-et-Oise, Eure-et-Loir, Loir-et-Cher, kaj Loiret liveris ĉu nur unu ĉu nenian nomon. Besançon kaj Lyon okupas kune la kvaran lokon (80). Poste venas Bordeaux (58), Grenoble kaj Rennes (42), Nancy (38), Caen (35), Chambéry (31), Montpellier kaj Toulouse (24), Clermont (22), Poitiers (21), Aix (19). Ni ne ankoraŭ faris esploradon pri la Akademio de Alger.

En kelkaj Akademioj, same kiel en la Akademio de Paris, oni trovas departementojn, kie estas, almenaŭ ŝajne, nenia aŭ preskaŭ nenia Esperantista edukisto, ekz. en Ak. Aix : Corse kaj Vaucluse (0) ; Ak. Bordeaux : Landes (0), Dordogne (1) ; Ak. Caen : Calvados, Manche (1), Orne, Sarthe (1-2) ; Ak. Clermont : Allier, Cantal (0), Corrèze, Creuse, Haute-Loire (1) ; Ak. Montpellier : Lozère (0), Gard (1) ; Ak. Rennes : Ille-et-Vilaine, Côtes-du-Nord, Mayenne, Morbihan (0) ; Ak. Toulouse : Lot, Tarn (0), Ariège, Aveyron, Gers (1).

Ni petas, ke oni sendu kiel eble plej frue sciigojn al la sekretario, P-ro Lambert, 10, rue Berbisey, Dijon.

## NOTOJ DE L'ADMINISTRANTO

### AL NIAJ BONVOLAJ KUNREDAKTANTOJ

Neniam sendu al ni *gramatikajn, literaturajn* aŭ *sciencajn* artikolojn ; ni ilin resendus tuj al respondaj revuoj.

Neniam sendu al ni *versojn.*

Neniam skribu en Esperanto raporton pri propagandaj festoj, konferencoj, kc. en franclingvaj landoj : ni ĝin tradukus france.

Neniam skribu en franco artikolojn pri malfacilaĵoj en nia afero : ĝenerale skribu en Esperanto ĉion, kio rilatas la tutmondan publikon kaj internacie interesan.

Neniam skribu sur ambaŭ flankoj de la papero, sed ĉiam nur sur unu.

Neniam malkontentiĝu se artikolo via ne estas presata : la presarto havas raciojn, kiujn la rezono ne komprenas.

* * *

### AL NIAJ KOLEGOJ

Okazas ofte, ke legantoj postulas de ni provas numeron de gazeto ia. Por plia rapideco ni sendas unu el niaj kolektoj kaj tiel okazas mankoj en tiuj ĉi. Ni tre petas niaj kolegoj ilin plenigi sendante al ni la ĉi-sube montritajn ekzemplerojn :

*Lingvo Internacia* : 13, 18, 24.
*Internacia Scienca Revuo* : 1, 2, 3, 4, 5, 9 et 12.
*Ruslanda Esperantisto* : 5.
*Suno Hispana* : 13, 14, 16, 24.
*Svisa Espero* : 2, 3, 4, 5.
*Juna Esperantisto* (1905) : 1, 2, 3, 4.
*Belga Sonorilo* : 36.
*Tra la Mondo* : 2.
*Antaŭen Esperantistoj* : ni nur havas la numerojn 12 kaj 28.

Ni memorigas al niaj kunfratoj, kiuj akceptis la duopan interŝanĝon ke ili devas sendi unu ekzempleron al la *Redaktanto*, kaj aliun al la *Administranto.*

Ni devos ĉesigi la sendadon al tiuj, kiuj ne konformiĝas al ĉi tio.

* * *

### AL KELKAJ GRUPOJ

Ni iafoje ricevas de kelkaj grupoj peton pro pli facilaj kondiĉoj de akiro de la gazeto, tial ke, diras la sekretario, nia grupo ne estas tre riĉa, devante sendi la plimulton el la kotizaĵoj al ia centra Societo.

Estas tute neeble al ni nin okupi pri tiaj detaloj. La rilatoj aŭ nerilatoj de niaj klientoj kun alia societo estas neniel nia afero. Niaj prezoj estas kiel eble plej malkaraj kaj ni ne povas favorigi je niaj elspezoj organizacion kiu neniel rilatas al ni.

Nur ni povas konsili al tiuj grupoj sin turni al la centra Societo al kiu ili sendas sian monon, kaj, se tiu Societo kontraktas kun ni gravan aĉeton de gazetoj, ni estos tre feliĉaj fari al ĝi kiel eble plej profitajn kondiĉoj.

Administranto.

## BIBLIOGRAFIO

*Dektriope !* — Unuakta salona komedio tradukita de Grafo *Albert Gallois.* (Prezo 80 centimoj afrankite, ĉe la tradukinto en Rionulato, provinco de Modena, Italujo).

Ĉiu konas la superstiĉon pri la nombro dektri. Tiu ĉi komedio estas fondita sur ĝi. Du gemastroj invitis gastojn por vespermanĝi. Sed jen, ve ! diversaj kaŭzoj faras ke la nombro de l'manĝontoj estas ĉiam dektri. Kaj la mastrino svenas pro malespero. En fine la afero aranĝiĝas, kiel en ĉia komedio.

Tre vigla, la komedio estas ankaŭ tre bone esperantigita. Ĝi povas bone utili por la kunvenoj esperantistaj.

Kolo.

## EKZERCOJ

### LA HOTELO

B. — Kelnero, donu al ni tuj du ĉambrojn kaj du litojn,

*Kelnero.* — Penu eniri por unu minuto en la salonon. Alvenis hodiaŭ tiom da homoj, ke mi ne scias ĉu restas ankoraŭ du ĉambroj neokupitaj.

A. — Iru [por] vidi — Tiu salono estas tre pura ; se la cetero estas en rilato, ni ne malbone trafis.

*Kelnero.* — Moŝtoj, mi havas proponi al vi nur unu ĉambron kun du litoj (aŭ ĉambron dulitan).

B — En kioma etaĝo estas tiu ĉambro ?

*Kelnero.* — En la tria.

A. — Estas iom alte ; sed oni devas akcepti tion kio okazas.

B. — Mi ne rigardas multe pri la ĉambro, se nur la lito estas bona kaj se oni povas tie dormi trankvile.

A. — Kia (aŭ kioma) estas ĝia prezo ?

*Kelnero.* — Kvar markoj ĉiutage.

A. — Enhavante la servopagon ?

*Kelnero.* — La servo estas pagota aparte.

B. — Konduku nin tuj tien kaj igu porti niajn pakaĵojn.

*Kelnero.* — Ĉu la Moŝtoj volas enskribi siajn nomojn sur la registro ?

A. — Tre volonte — Oni demandas sur tiu papero nian kvaliton. Mi metas « esperantisto », ne vere ?

*Kelnero.* — Mi ne konas tiun titolon.

B. — Tio ne estas grava. Supozu ke tio signifias « kavaliro de la unulingva multalingveco ».

*Kelnero.* — Dankon. Se la Moŝtoj Esperantistaj deziras supreniri en sian ĉambron....

A — Ha ! oni havas la vidon sur muro ! Estas belete.

*Kelnero.* — La vido estis tre bela antaŭ du jaroj, kaj ĝi estus ankoraŭ, se la najbaro ne kaŝus ĝin per muro.

A. — Nu, ni devas kontentiĝi. Ĉu ne estas sonorilo en la ĉambro ?

*Kelnero.* — Jes (pardonu) ; estas unu apud la spegulego.

A. — Sed kie estas la ŝnuro ? Mi ne vidas ĝin.

*Kelnero.* — Vere ! vi estas prava. La dika vendisto de ligno verŝajne rompis ĝin.

B. — Nin ne interesas scii kiu ĝin rompis ; metu alian.

A. — Ĉu la ĵpordo bone ŝlosiĝas ? Mi ne vidas riglilon senriskigan.

*Kelnero.* — Ĝi ne estas bezona ; vi loĝas ĉe honestaj homoj.

A. — Estas tre bone ; tamen venas tien ĉi vojaĝantoj kiujn vi ne konas.

*Kelnero.* — Venas nur honestuloj.

B. — Tion oni nomas mirinde respondi. Mi estas certa ke oni bruligis artan fajraĵon je l'tago de via naskiĝo.

*Kelnero.* — Mia fido ! mi ne scias ĝin ; sed ĉiuj diras kiel vi. Estas komike, ja !

B. — Alportu al ni freŝan akvon, sapon kaj lavtukojn.

*Kelnero.* — La servistino baldaŭ alportos ĉian tion.

A. — Tiuj littukoj estas jam uzitaj ; mi volas aliajn.

B. — La miaj estas malsekaj.

A. — Mi bezonas unu trakusenon kaj du kapkusenojn ; mi ne povas dormi kiam mi havas la kapon tro malalte.

B. — Tiu ĉi litokovrilo estas malpura ; ŝajnas al mi ke mi vidas sur ĝi postesignojn de cimoj kaj de puloj.

*Kelnero.* — Ha ! pri tio, ne ! Mi certigas vin ke vi eraras.

A. — Metu unu noktolampon aŭ alumetojn sur mian noktotablon.

B. — Morgaŭ je la sesa ĝuste vi alportos al ni kafon kun lakto kaj bulkojn.

*Esperanto-ĵurnalo.*

## LETERFAKETO

Al S-roj G. en *Rouen,* R. en *Lille.* Anstataŭ disputadi, sen espero de rezultanto, pri gramatikaj temoj en ĵurnalo, estas preferinde, mi opinias, sin turni al la *Komitato Lingva,*

Adreso : Esperantista oficejo. Komitato Lingva, 51, St. Clichy. Paris.

* * *

L'administranto de Esperanto sendas siajn plej korajn salutojn al la Samideanoj kiuj sendis al li vizitkarton por novjaro. Kvankam tre dankante ilin pro tiu signo de amikeco, li ne povas al ĉiuj respondi aparte : ili estas tro ! Plie estas facile kalkuli ke, tiuj ĉi sendoj reprezentas, multiplikataj per la nombro de l'sendantoj, valoron ne malŝatindan, tute senprofite elspezatan, kaj kiu havus multe pli bonan lokon en pli urĝaj uzoj.

POSTULU ! POSTULU ! POSTULU !

**⋆ ESPERANTO ⋆**

**en ĉiuj librejoj kaj ĵurnalejoj.**

### POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj au makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono, intenca perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankite ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUA ELEKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 ĵurnaloj.) | 2 50 | 4 »» |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 ĵurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 ĵurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 4 fk., poŝto plie.

## AVIZO AL ABONANTOJ

Se oni ne esprimas malan deziron, ni komencigas la novajn abonojn de unu el la lastaj numeroj. De kelkaj restas al ni nur tre malmulte da ekzemplerojn. Ni povas ilin liveri je la jenaj prezoj :

N-roj 2, 7, 8 k. 9 ĉiu 0.30
N-roj 3, 6, 10 k. 15 ĉiu 0.20

La 15 unuaj n-roj, afrankite 2 fr. 50

N-ron 1 ni ne vendas aparte de la kolekto 1905.

**Komerca vojaĝisto** pri paperaĵoj aŭ similaĵoj, partiano de Esperanto estas petata sin konigi al administranto de tiu gazeto, informante pri la lokojn kiujn li trairas dum siaj vojaĝoj.

SECONDE ANNÉE. — N° 16. Le Numéro : 10 CENTIMES. DIMANCHE 14 JANVIER 1906.

# ★ ESPERANTO ★

JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
M. Paul BERTHELOT
CERET (Pyr.-Or.) France.

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier.
10 abonnements à la même adresse : 24 fr.
Edition de luxe : 12 numéros, 4 fr.

RÉDACTION :
M. Ch. LAMBERT
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

N'envoyer à la Rédaction rien de relatif à l'Administration.



*Le numéro* **17** *de* **Esperanto** *paraîtra*
*DIMANCHE 28 JANVIER*

## LATIN ET ESPERANTO

« L'Esperanto est le latin de la démocratie » ont dit M. Muffang, Mlle Roux et d'autres encore. C'est-à-dire que l'esperanto peut et doit jouer, auprès des personnes que les circonstances ont privées des énormes avantages de l'instruction secondaire, le rôle éminemment éducateur du latin.

Mais, à ce point de vue, l'esperanto est au latin comme une photographie ou un chromo à un tableau de maître. Tout le monde n'est pas assez riche pour se payer des toiles signées de noms célèbres, l'on se contente alors d'une vulgaire reproduction. Mais bien fou serait qui préférerait le produit industriel à l'œuvre d'art elle-même.

Pour ceux qui ont le temps et l'argent nécessaires pour entreprendre les longues études classiques, rien ne peut, à mon avis, remplacer le latin. Pas même peut-être le français ou les langues vivantes, au moins pour le moment.

Le latin, surtout quand il est étudié dans les auteurs classiques, c'est-à-dire à une époque où la culture intellectuelle n'était pas intensive, n'offre à nos jeunes garçons des collèges et des lycées, que des idées relativement simples, générales, morales, qu'ils peuvent parfaitement comprendre.

De plus sa difficulté, qui oppose un obstacle invincible à son emploi comme langue pratique de relations internationales, fournit aux professeurs un merveilleux instrument. Grâce à lui, les élèves doivent analyser leurs pensées sous toutes les formes. L'étude de la grammaire latine les oblige à disséquer la grammaire française. La traduction du latin en français les force à essayer maintes et maintes tournures et expressions françaises avant de trouver l'équivalent du mot latin. Et le thème latin aussi a une utilité inappréciable. Sans parler du barbarisme et du solécisme à éviter, et qui entraînent la nécessité de la réflexion attentive, ce que les professeurs appellent communément mot impropre, n'est souvent autre qu'un contre-sens français. L'élève qui fuit le mot impropre doit donc se pénétrer du sens exact du mot français qu'il traduit, palper pour ainsi dire tout le contour de l'idée qu'il revêt.

C'est pourquoi, répétons-le, le latin est la meilleure gymnastique intellectuelle qu'on puisse maintenant rêver, quand on peut s'y livrer, c'est-à-dire quand on a le bonheur de participer aux bienfaits de l'enseignement secondaire.

* * *

L'esperanto, lui, est trop facile. Je n'imagine pas l'esperanto prenant la place du latin dans les lycées. Au bout d'un mois ou deux, les élèves le posséderaient parfaitement. Que feraient-ils le reste du temps ? Or, il importe que les études soient longues, pour que les esprits puissent se former par un travail assidu et prolongé.

L'esperanto enseignerait aux élèves la logique linguistique ; mais il la leur donnerait avec trop d'efforts. L'ennui viendrait bientôt, le lycéen, qu'aucune difficulté ne réveillerait, dormirait sur son thème ou sa version espérantine. Et ainsi l'éducation serait manquée.

Enfin l'esperanto n'a pas un long passé littéraire et moral, comme le latin ; il n'a encore imposé sa marque que sur trop peu d'œuvres écrites.

Aussi son ambition se réduit-elle très sagement à ceci :

1° Permettre aux hommes de diverses nationalités de s'entendre.

2° Donner aux déshérités de la fortune une formation intellectuelle à bon marché, qui les élèvera et compensera, autant que faire se pourra, ce que les circonstances ou l'état social leur ont durement — et injustement — refusé.

Ch. Lambert,
*Professeur à l'Université de Dijon, chargé de l'enseignement de la Littérature latine.*

## POIGNÉE DE NOUVELLES

*Commercy.*

La prédiction que nous avons faite lors du départ de M. Bastien, sous-intendant militaire, de Valenciennes, s'est réalisée. Il a implanté l'esperanto à Commercy, sa nouvelle résidence.

Après une conférence donnée par M. Fourcines, ingénieur à Nancy, qui venait couronner les efforts de M. Bastien, un groupe vient de se fonder à Commercy.

Le président en est M. Gallot, principal de collège honoraire, et le secrétaire, M. Bastien.

* * *

*Autour de Saumur :*

De nombreux espérantistes se révèlent un peu partout, désireux de créer, chacun autour de soi, un noyau d'adeptes. Le Puy-Notre-Dame, Doué, Montreuil-Bellay, se mettent à la tâche. Plusieurs villes des Deux-Sèvres attendent, avec impatience, des conférenciers pour grouper les unités éparses.

M. Roland, le sympathique directeur du *Courrier de Saumur*, mettant gracieusement ses colonnes à notre disposition, les nouveaux Espérantistes de la région trouveront *chaque semaine* à la rubrique : *Chronique Espérantiste*, les nouvelles concernant le développement local et régional.

* * *

*Bourg :*

La conférence faite à l'Institution Carriat, par M. Evrot, sur le congrès de Boulogne-sur-Mer, n'a pas seulement intéressé son auditoire, elle l'a complètement gagné à la langue internationale si heureusement conçue par le docteur Zamenhof.

Il a suffi, au sympathique censeur du lycée Lalande, de montrer ce que furent ces premières grandes assises de l'Esperanto, pour obtenir ce gros résultat.

Assurément, les adeptes de cette langue nouvelle ne sont encore que quelques dizaines dans notre ville, mais du moment qu'ils ont foi dans son avenir, leur nombre ne pourra que s'accroître.

Il ne saurait d'ailleurs en être autrement avec un professeur aussi convaincu et aussi dévoué que M. Evrot.

* * *

*Toulouse.*

Le Conseil municipal de Toulouse vient de voter une subvention de 200 fr. au Groupe espérantiste de cette ville, en exprimant le désir qu'un cours soit ouvert, à la Bourse du Travail, pour que *l'élément ouvrier puisse profiter de cet utile enseignement.*

* * *

Un nouveau groupe s'est fondé, le 10 décembre dernier, à *Firminy* (Loire). M. Barsot, son secrétaire, a bien voulu nous en informer.

* * *

**Cours :**

A *Angers*, le cours public et gratuit de M. Muffang, professeur au lycée, est régulièrement suivi par 100 ou 120 personnes. Beaucoup préparent l'*Atesto pri Lernado.*

Un cours supérieur, réservé aux membres du groupe, réunit 25 ou 30 étudiants qui se préparent aux examens de l'*Atesto pri Kapableco.*

Les journaux locaux annoncent, chaque semaine, le sujet de chaque cours.

A *Saumur*, à la suite de la conférence de M. Muffang, un cours public et gratuit a été ouvert à l'Hôtel de Ville, par Mlle Roux, professeur au lycée de jeunes filles.

A *Nantes*, M. le Dr Saquet, président du groupe, fait un cours oral pour les commençants. Ce cours se continuera par un cours supérieur, chaque vendredi, à la Société Académique, rue de Suffren.

A *Saintes* (Charente), cours fait par le docteur Cornet.

* * *

*Montreuil (P.-d.-C.)*

La salle des fêtes de la Société républicaine d'Instruction de Montreuil était trop petite pour contenir les Montreuillois qui, le dimanche 24 décembre, vinrent pour écouter la conférence de M. Michaux, l'organisateur de notre premier congrès.

Résultat : nombreuses adhésions à l'Esperanto.

* * *

A *Orléans*, les cours d'esperanto ont lieu régulièrement, celui du jeudi, de 4 h. 1/2 à 5 h. 1/2, professé, à la salle Hardouineau, par Mme la comtesse de Villaret, celui du lundi soir, de 8 h. 1/4 à 9 h. 1/4, professé, dans la salle de la justice de paix, par M. Papelier, professeur de mathématiques spéciales du Lycée.

* * *

A *Lyon*, cours de l'*Amicale Espérantiste de Lyon :*

*Société d'enseignement professionnel du Rhône.* — A l'école La Martinière, 9, rue des Augustins. — Professeur : M. Deronsière, professeur d'anglais à l'école La Martinière, membre du comité d'administration de l'A. E.

Cours élémentaire : le dimanche matin, de 9 h à 10 h.; commencé le 8 octobre.

Cours supérieur : le dimanche matin, de 10 h. à 11 h.; commencé le 8 octobre.

*Union fraternelle des employés de commerce et d'industrie.* — Au siège, 5, rue de Jussieu. — Professeur : M. G. Pouchot, professeur à l'école La Martinière, secrétaire de l'A. E.

Cours élémentaire : le samedi soir, de 8 h. 1/2 à 9 h. 1/2 ; commencé le 14 octobre.

*Amicale des anciens élèves des écoles communale de Villeurbanne.* — Au siège, 62, place de la Mairie, Villeurbanne. — Professeur : M. G. Pouchot.

Cours élémentaire : le mardi soir, de 8 h. 1/2 à 9 h. 1/2 ; commencé le 31 octobre.

N.-B. — Ces différents cours sont suivis par un nombre total de *200 élèves* environ.

* * *

A *Liège :*

Le groupe Espérantiste liégeois a l'honneur de faire savoir que les cours *publics et gratuits* de la langue internationale Esperanto se donnent à l'Université (rez-de-chaussée, première salle à droite), tous les mardis et vendredis, de 8 à 9 h. du soir.

L'*Express* de Liège.

* * *

A *Perpignan :*

Le conseil d'administration de la Bourse du Travail a l'avantage d'informer le public que M. Baron, professeur autorisé par la Société française pour la propagation de l'Esperanto, a inauguré dimanche dernier ses cours hebdomadaires, à la Bourse du Travail.

* * *

*Brest :*

M. le professeur Béghin a obtenu de l'administration rectorale l'autorisation de faire un cours d'esperanto au lycée de *Brest*. Il a dû commencer le 3 janvier.

Une centaine d'élèves s'étaient fait inscrire.

A Brest également, cours supérieur fait par le docteur Houdart.

* * *

Noms de quelques journaux qui ont parlé de l'Esperanto :

Le *Globe Trotter*, de Paris, (chaque semaine il a sa chronique espérantine).
Le *Savoyard de Paris.*
Le *Courrier de Saumur.*
Le *Courrier de Céret.*
Les *Nouvelles d'Alger.*
Le *Réveil d'Eu.*
L'*Echo de Versailles.*
Le *Courrier de l'Ain*, de Bourg.
Le *Travailleur Calvadosien*, de Caen.
Le *Journal de Nérac.*
*Cherbourg-Eclair.*
Le *Républicain de l'Est*, de Commercy.
Le *Journal de Valence.*
L'*Avenir des Collèges*, de Libourne.
Le *Journal du Loiret*, d'Orléans.
Les *Alpes*, d'Annecy.
L'*Indicateur de la Savoie*, d'Annecy.
L'*Avant-Garde*, d'Amiens.
L'*Echo Pontoisien*, de Pontoise, etc., etc.

Depuis le mois de juin, nous avons déjà reçu *plus de mille* articles de journaux écrits en français et traitant de l'esperanto.

* * *

*Esperanto et coiffeurs.*

« Les coiffeurs — corporation essentiellement migratrice — auraient intérêt à connaitre l'Esperanto qui permettra à tous — s'il se généralise — de pouvoir être compris dans tous les pays. Nombreux sont ceux qui déjà suivent régulièrement le cours — absolument gratuit et libre — qui est donné tous les jeudis, à 9 heures du soir, dans la grande salle de la Bourse du Travail.

Quand pourrons-nous parler cet idiome ?

Quand pourrons-nous nous déplacer d'une nation dans une autre et éviter les embarras causés par l'ignorance des langues étrangères ?

Souhaitons à cette tentative un gros succès et nous simplifierons beaucoup de difficultés. Par elle pas besoin nous sera d'être polyglottes pour travailler ».

*La Toilette*, de Marseille.

* * *

*Pacifisme :*

A *Valence*, la section de la *Ligue de la Paix* vient de désigner, comme secrétaire spécialement affecté à l'Esperanto, un des membres les plus dévoués du *Comité Directeur*, M. Léautier, commis principal des postes, qui sera désormais chargé des échanges et relations espérantistes avec tous les pacifistes étrangers.

* * *

L'Esperanto se faufile partout et, il faut le dire à leur louange, les espérantistes font flèche de tout bois.

Voici dans la revue théâtrale italienne *Su la Scena* un intéressant article de notre dévoué confrère, M. Meazzini, sur les représentations théâtrales espérantines du congrès de Boulogne.

A quand les théâtres espérantins dans les grandes villes cosmopolites ?

## VARIÉTÉS

### L'ESPERANTO PRÉSENTÉ AU CONSEIL MUNICIPAL DE PARIS

Voici qui montre bien que le progrès de l'idée espérantiste s'affirme tous les jours :

A la séance du Conseil municipal du 18 décembre dernier, M. Hénaffe, un des conseillers du 14e arrondissement, a prononcé un très chaud plaidoyer en faveur de l'Esperanto.

Rappelant le succès du Congrès de Boulogne et la réception du Dr Zamenhof à l'Hôtel de Ville par M. Bellan, syndic — très sympathique lui aussi à la cause espérantiste — M. Hénaffe a montré que l'Esperanto répondait absolument aux conditions exigées d'une langue commune destinée aux relations internationales.

Puis, après un exposé très favorable et très exact à la fois, des qualités et des avantages de l'Esperanto ainsi que de l'état actuel de son expansion en France, il a déposé, pour être mis à l'étude par l'administration, les deux projets de résolution suivants :

*1° Une subvention de 100 fr., à titre d'encouragement, est accordée à la Société française pour la propagation de l'Esperanto ;*

*2° L'administration est invitée à étudier la création d'un cours d'Esperanto dans les écoles primaires supérieures de la ville de Paris.*

Formons des vœux pour qu'une solution favorable intervienne et notons, à ce propos, que, parmi les fonctionnaires de la Préfecture de la Seine, nous comptons de fervents amis dont la propagande incessante autour d'eux se trouverait ainsi récompensée.

R. du F.

### CONGRÈS INTERNATIONAL ESPÉRANTISTE
**(Genève. Sept. 1906).**

Déjà plus de mille congressistes assistaient au premier congrès international espérantiste, à Boulogne-sur-Mer, au mois d'août dernier. Etant donné que, depuis cette époque, l'Esperanto a fait encore d'immenses progrès, que le prochain congrès

